世界语 AE236

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 24/09/2015 Ducenttridekkesa eldono 24/09/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**


**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**


SENDATA AL 304 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 29a Novembro 2015**

9,785,000 homoj loĝas en Wuhan. Tiu urbo havas en Ĉinujo, la okan rangon laŭ la nombro de loĝantoj

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 137,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 89. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Rilata Subpropozicio. B.

Se la antecedento kaj la rilata pronomo estas ambaŭ AŬ en la nominativo AŬ en la akuzativo, oni rajtas ellasi la antecedenton se ĝi estas pronomo, kiel en “Mi konsentas kun (tiu), kiu laste parolis”, sed “Mi konsentas kun tiu, kiun ni ĵus aŭdis”. Same oni povas forlasi la antecedentan adverbon, se ĝi diferencas nur per la litero “t” antaŭ la k-korelativo: “Ci devos tuj foriri (tiam), kiam la sonorilo sonas”. La samkaza forlaso de la antecedento povas okazi ankaŭ, se la antecedento antaŭas la ĉeffrazon, kiel en “(Tiun) Kiun mi vizitis hieraŭ, mi juĝas mia plej bona amiko”.

Notu la adjektivan rilatan pronomon en “Mi kulpigas la viron, kies hundo (=de kiu la hundo = la hundo de kiu) mordis min.”; kaj “Mi ricevis certajn (tiajn) leterojn, al kiaj mi ne respondas.”; kaj “Ili aĉetis tiujn legomojn, kiujn (legomojn) ili bezonis por la supo”.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



La **GASTDORMEJO** devas antaŭmendati de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: janowylles15@gmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

Kam Lee kaj May O’Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

# AEA informas.

Aŭstralia Esperanto-Asocio.

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001.

## Estrarkunveno la 17an de Septembro 2015

Ĉeestantoj estis Jonathan, Joanne, Indrani, kaj invitito: Ilia Dewi

Ĉiu diskuto estis pri la venonta kongreso/somerkursaro:

1. Ni plu diskutis ideojn pri instruistoj.
2. Ilia raportis ke ŝi vojaĝos sabate al Bandung kaj kontrolos diversajn aferojn, inkluzive la eblecon havi prelegojn per Skype.
3. Jo afiŝos mesaĝojn en la paĝoj "Facebook" de AEA kaj Melburna Esperanto-Asocio, kiuj invitos homojn proponi prelegojn.
4. Indrani menciis aliajn tipojn de programeroj: tre mallongajn parolaĵojn pri specifaj temoj ("sap-skatolaj parolaĵoj") kaj la ludon "Ĉu Mi Blagus Al Vi?"
5. Ilia diris ke ŝi sendis mesaĝojn al kelkaj landaj asocioj, inkluzive de Japana Esperanto-Instituto, Korea Esperanto-Asocio, Singapura Esperanto-Asocio pri la kongreso. Ŝi ankaŭ kontaktos la organizaĵon Ĉina Radio Internacia.

Raportis Jonathan Cooper

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

### Publikaj prelegoj per skajpo - en la Tago de Lingvoj




Okaze de la Eŭropa Tago de Lingvoj la portalo 'edukado.net' organizas skajpajn prelegojn la 26-an de septembro, sabaton kaj la 28-an, lundon.

Per la konferenca funkcio de Skajpo ni ligas la diversajn prelegantojn kun la aŭskultantoj. Estas ĉ. 10 personoj (aŭ ligoj) kiuj povas sekvi la programon. Necesas, ke la partoprenantoj havu skajpo-konton, bonan retkonekton kaj mikrofonon. Havi kameraon gravas nur por la prelegantoj.

Ĝis nun ni havas sep programojn. Ili rilatas al la sekvaj lingvoj: itala, franca, ĉina, vjetnama, islanda, la usona signolingvo kaj la okcitana. Prelegos (laŭ la vico de la lingvoj): Renato Corsetti, Sylvain Lelarge, Xueqin SHI (Neĝeta), Nguyen Xuan Thu, Nicola Ruggiero, Lee Miller kaj Christophe Chazarein. Du pliaj kursoj estas sub preparo.

La detalan horaron vi povas vidi sur la paĝo 'skajpaj prelegoj'. Se vi interesiĝas partopreni iun kurseton, bonvolu anonci vin en la 'forumo' - de la portalo edukado.net

Tiuj programoj estas oficiale registritaj en la paĝaro la Eŭropa Centro de Modernaj Lingvoj, organizanto de la kampanjo kaj filio de la Konsilio de Eŭropo.
**laŭ http://edukado.net/novajhoj?id=570**-------------

Szilvasi Laszlo  Reagu, komentu en nia fejsbuka pago: http://www.facebook.com/Ret.Info !



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Saluton Roĝero, Kiel vi fartas?  Vi mankis al la manliagrupo.
Malgraŭ tio ni havis bonan renkontiĝon lastan sabaton. (19a Septembro)
Bonŝance mi venis ne tro malfrue ĉar Dianne Lukes serĉis nin. La kelnero gvidis ŝin al la ĝusta tablo.  Lau mi, mi memoras ke la lastan fojon kiam ŝi vizitis Manlion, Tony Abbot ankaŭ estis tie kaj ni kune trinkis teon.
Ankaŭ Dimitri venis lastan sabaton kaj mi ĝuis diskuti politikon kun li.
Bonan matenon. Saluton al Mei.
Ĝis Chris Holliss



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

Ĉe nia klubo-kunveno pasintan lundon, (21a Septembro) ni bonvenigis tri novajn Esperantistojn.  Du el ili lernas pere de la intereto (specife Duolingo).
Unu lernis antaŭ multaj jaroj sed estis lia unua vizito al nia klubo.

Karlo, Suzanne, Marcel, Tristan kaj Heather ankaŭ ĉeestis.
Sendis Heather Heldzingen



# Imagu! Helen kaj Sandor ankoraŭ estas en Eŭropo.

Lastan vendredon, ili estis invititaj ĉe la Esperanto klubo en Graz en Aŭstrio. (2015-09-20)
Helen prezentis pri la vivo de medio(natur)gardisto, ni bone babilis kaj kuraĝigis unu la aliajn.



## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | ■ | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

“Informu AE, se estas eraro en la listo” rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

# Wuhan. Subterafervojo en Hanyang



**2013** *Nova subtera fervojo konstruata sub la larĝaj stratoj en Wuhan*



Renovigita strato 2015

